# INTERNACIA

JARO X SOFIA — BULGARIO
JANUARO—MARTO 1966, № 1



ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

## HISTORIO PASINTA KAJ KREATA

*En la semajna organo de Moskva filio de l'Rusia Verkista Unio „Literatura Rusio" № 9 por 1966 estas interesa artikolo de Aleksandro Ŝifman — scienca kunlaboranto de l'Ŝtata Tolstoj-muzeo. Ĝi estas titolita „Nekonataj leteroj de Leo Tolstoj"*

*Temas pri la leteroj, kiujn sendis L. N. Tolstoj al la franca esperantisto A. Lebrun (supozata ortografio). Estas tro interese, ke la juna Anatolo Lebrun interparolis kun Leo Tolstoj, korespondis kun li kaj eĉ iun tempon helpis al li en sekretariaj aferoj per sia kono de kelkaj lingvoj.*

*Certe, la legantoj de „IĴ" avidus scii, kiam kaj kie ellernis la internacian lingvon A. Lebrun. Ĉu li parolis kun Leo Tolstoj pri Esperanto, ĉu li estis konata kun Sergeo Taneev — komponisto, kiu multe okupiĝis pri Esperanto, kun L. Tolstoj kaj memstare, ĉu li ne povus sendi interesajn materialojn pri Esperanto, pri L. Tolstoj kaj pri Taneev al la Taneev-muzeo kaj multo alia...*

*En la artikolo de A. Ŝifman estas nur mallonge notite, ke Lebrun vivas ĝis nun en iu provinca loko de Francio, ke li estas aktivulo de UEA kaj de Asocio de Franca—Soveta Amikeco. La lasta aserto estas memkomprenebla, kiel rezulto de la antaŭedirito. Se li estis amiko de Leo Tolstoj, se li estas esperantisto, do, certe, li estas adepto de interpopola amikeco ĝenerale kaj de Ruso—Franca precipe.*

*Jen estas bona preteksto por la francaj TEĴA-anoj trovi samideanon A. Lebrun kaj intervjui lin. Evidente, li sendis sian leteron al la Tolstoj muzeo en Esperanto. Evidente, li havas kion rakonti pri la granda pensulo, pri malnova Rusia Esperanto-movado, kies adeptoj ili ambaŭ estis, kaj pri la moderna Franca Esperanto-movado, kies aktivulo li nun estas (laŭ asertoj de „Literatura Rusio"). Jen estus bela artikolo por nia „IĴ". Kaj ĝenerale, tio devus igi eltrovi interesan materialon, gravan ne nur por la historio. Ĉar la estanto per ĉiuj siaj radikoj, per ĉiuj tradicioj kaj ĝenerale per ĉeno da eventoj estas ligita kun la pasinto.*

*Samtempe tio povus suflori al ni la formojn kaj la metodojn de internacia kunlaboro. Ĉar nur en ĝi estas nutra medio por disvolvo de internacilingva movado kaj precipe de ĝia avangarda parto — esperanta ĵurnalismo.*

*Mi povas nur skize memorigi ankoraŭ unu eron de historio, kiu okazis jam nuntempe — en la pasinta jaro. Ĝi ankaŭ estas karakteriza por ĝenerala stilo kaj formoj de l'jaro de internacia kunlaboro. Mi volus mencii la aperon de la traduko „La sorto de homo" de M. Ŝoloĥov. La redaktoro de „IĴ" — Ivan Keremidĉiev sendis al mi la tradukon de Anĝelo Agosti por kontrolo kaj eventuala korekto. Mi trovis ĝin iome malproksimiĝinta de l'rusa originalo pro*

# ORGANIZA VIVO

## LAŬPLANA KAJ FRUKTODONA LABORO DE LA ĴURNALISTA GRUPO EN PLOVDIV, BULGARIO

I. La plano por la jaro 1965 estas plenumita. Ĝi estis aperigita en nia organo n-ro 3 de 1965 j. Por ĝia efektivigo bone laboris niaj plovdivaj kolegoj Iv. Ŝivarov (gvidanto de la grupo), Iv. Batakliev, Kr. Sofroniev, Iv. Matev k a.

II. Laborplano por 1966 akceptita de la ĵurnalista grupo en januaro 1966:

Jen la pli gravaj punktoj de la plano.

1. Publikigo de raportaĵo „Festotago en montodomo Esperanto" en gazeto „Paco" — aŭtoro Iv. Ŝivarov.
2. Publikigo de raportaĵo „Hospitalo d-ro Zamenhof en Rozino" en gazeto „Bulgario" — aŭtoro Iv. Ŝiv.
3. Informaĵo por la Varsovia radio je temo „10% de la loĝantaro en Plovdiv subskribiĝis por Esperanto" — aŭtoro Iv. Ŝiv.
4. Informaĵo „La tria Esperanto-Konferenco de la Distrikta E.-Komitato en Plovdiv" de Iv. Ŝiv. por „Bulg. Esp." kaj la Pola radio.
5. Pridiskuto de „Bulgara Esperantisto" — raportanto Iv. Ŝiv.
6. Artikolo „Vizitu la IV-an E.- Konferencon de Distrikto Plovdiv en urbo Karlovo dum majo j. k." (por la Informa Plovdiva Bulteno).
7. Artikolo „Budapeŝto—urbo de la 51-a UK" por la loka gazeto „Oteĉesten glas", aŭtoro Iv. Batakliev.
8. La novaj E.-pedagogoj por Plovdiva distrikto — de Iv. Ŝiv.
9. Publikigo en la loka gazeto materialojn sub rubriko: „La gazetara servo de UEA informas" — resp. Iv. Batakliev.
10. „La tutmonda pacmovado kaj Esperanto" — prelego de Iv. Ŝiv.
11. Artikolo „Esperanto kaj la turismo" de Penĉo Petrov.
12. Aperigo de Esperanto-novaĵoj en la loka gazeto — de Kr. Sofroniev.
13. Esperanto en la „Roza Valo" — de Angel Tanev.
14. Alilanduloj por ni — de Atanas Ŝopov.
15. „Vojaĝimpresoj pri Hungario" — de Iv. Ŝiv.
16. „Esperanto kaj ĝia rolo en la vivo" — prelegos Iv. Ŝiv.
17. „La nova lernjaro kaj nia devo" — de At. Ŝopov.
18. „Niaj E.-pioniroj" (pri Malĉev) — de At. Ŝ.
19. Intervjuo kun Penko Stoev, konatulo de Zamenhof, de At. Ŝ.
20. Traduko de „Burevestnik" de M. Gorkij (de Iv. Bat-ev).
21. „Esperanto kaj la junularo" artikolo por plovdiva gazeto „Komsomolska iskra" — de Jordan Angelov.
22. Historio de E.-movado en Plovdiv" — de Kr. Sofroniev.
23. Kvar eldonoj de la Distrikta E.-Bulteno (n-roj 3, 4, 5 kaj 6).
24. „Informoj kaj novaĵoj de niaj alilandaj korespondantoj" — prelegos Kr. Sofroniev.

Iv. Ŝivarov

---

*triobla traduko (rusa-angla-holanda-esperanta), kaj kiom eble plej proksimigis ĝin. Aperis la traduko, kiun la kritiko, vere, ne tre laŭdis, sed mi pensas, ke ĝi estus multe pli bona, se ne enmiksiĝus redaktoroj... Sed malgraŭ ĉio la traduko estas publikigita, kaj ĝi ĉiuokaze estas internacia kontribuo al la moderna esperanta literatura trezorujo.*

*Per ĉiuj ĉi eroj oni povas klare vidi la kapitalan direkton de esperantaj ĵurnalistoj — internacia kunlaboro.*

*Proksimiĝas la 51 UK kaj la vica kunveno de TEĴA en Budapeŝto. Ĝi estos sendube nova mejloŝtono en la evoluo de l'esperanta ĵurnalismo. De ĉiuj flankoj aperas novaj sukcesoj kaj novaj informoj pri ili. Ĉie laboras nelacigeblaj Esperanto-ĵurnalistoj, kiuj disportas tiun famon.*

*Mi ne povas ĉi tie prisilenti la gravan iniciatlon de l'germanaj kolegoj, kiuj komencis la gloran vojon de sia „Esperantisto".*

*Sed mi volus plie substreki la nesepareblan ligon inter „anto" kaj „into". La historio ĉiam estis grava instruisto. Kaj la Esperanto-movado jam havas sian historion. Kiel ĉiu historio nia historio abundas de famaj agantoj, gloraj agoj kaj eposaj eventoj de alta socia valoro. Kolekti priskribojn de famaj biografioj, rememorojn pri la eventoj estas grava tasko de nia TEĴA — la ĵurnalista taĉmento de la esperanta movado.*

*Kaj la historio estas nepre instrua.*

*Oni ĉiam trovos adekvatan formon modernan, agon de kapta enhavo karakteriza por la pasinto kaj instrua por la estanto.*

*Saturigi per tia spirito nian TEĴA-laboron estas grava tasko de l'proksimiĝanta Budapeŝta TEĴA-kunveno.*

*N. Danovskij*

# GRAVA INTERNACIA ESPERANTO-INICIATO PETO KAJ ALVOKO

LA PREZIDANTARO DE LA HUNGARA ESPERANTO-ASOCIO sendis cirkuleran leteron al la estraroj de ĉiuj naciaj kaj internaciaj Esperanto-organizaĵoj kaj al la redaktoroj de ĉiuj esperantaj gazetoj, radio-kaj televid-dissendoj petante kaj alvokante ilin pri la jena grava iniciato (okaze de la 51-a Universala Esperanto-Kongreso en Budapeŝto 1966) kiun oni devas apogi en la intereso de la Internacia Esperanto-movado:

„Népszava" („Voĉo de popolo") — centra ĵurnalo de la Landa Komitato de la Hungaraj Sindikatoj — en sia sportrubriko de n-ro 30-a (de januaro 1966) publikigis la „Publikan Leteron de la hungaraj olimpikaj ĉampionoj kaj sportistoj al la Internacia Olimpika Komitato", kiun subskribis internacie konataj, aktivaj hungaraj sportistoj, kaj la gvidantoj de kelkaj gravaj sportkluboj je la nomo de kelkmil sportistoj. La anglan tradukon de la Publika Letero — la redakcio de „Népszava" sendis al la Internacia Olimpika Komitato en Lausanne, Svisujo, kun la originalaj subskriboj de la sportistoj, alkroĉante la ekzempleron de la ĵurnalo, en kiu ĝi aperis.

La sportistoj turniĝas al la respektindaj gvidantoj de la sportmondo, al la INTERNACIA OLIMPIKA KOMITATO per la peto: ili akcelu, ke dum la internaciaj sportaj renkontiĝoj la ĉiam pli populariĝanta Esperanta lingvo estu akceptata kaj uzata kiel interkonsentita, oficiala lingvo. Esperanto naskiĝis kiel vivanta plantido de vivantaj lingvoj kaj ĝi estas la plej facila, dum kelkaj monatoj ellernebla lingvo de la mondo. Ĝian vivkapablon atestas nove kaj denove la multegaj internaciaj kongresoj kaj aliaj kunvenoj, de la Esperanta mondo, kunligantaj la kvin kontinentojn. En tiuj kunvenoj, homoj apartenantaj al multaj diversaj nacioj interŝanĝas siajn pensojn sen interpretistoj. Konsiderante, ke tutmonde jam milionoj da homoj parolas kaj korespondas ĉi-lingve, ĝi jam fariĝis komuna spirito, trezoro de la popoloj.

La prezidantaro de HEA sendis la esperantan tradukon ankaŭ kun la personaj subskriboj de le sportistoj al la Estraro de Universala Esperanto Asocio, petante ke en tiu afero ĝi kontaktiĝu senpere kun la Internacia Olimpika Komitato kaj per ĉiuj eblaj rimedoj apogu ĉi tiun iniciaton. Oni petas ankaŭ la estrarojn de la naciaj E-asocioj plej eble organizu multflankan apogon de la proponoj de la Publika Letero. Apogon devas doni ankaŭ la estraroj de la internaciaj E-organizaĵoj.

Oni povas publikigi en nacilingvaj gazetoj entute aŭ parte la Publikan Leteron. En tiu okazo plej efike povas helpi

LA ĴURNALISTOJ — ESPERANTISTOJ-MEMBROJ KAJ NEMEMBROJ DE TEĴA

Ili povas helpi ankaŭ por la kompleta aŭ ekstrakta publikigo de tiu dokumento en siaj esperantaj aŭ nacilingvaj gezetoj, en la sportaj gazetoj kaj rubrikoj kun konvenaj komentarioj kaj klarigoj. La radio kaj la televidstacioj ankaŭ povas esti utiligataj.

La estraro de HEA Turniĝas al la redaktoroj de ĉiuj esperantaj gazetoj, ke ili komplete publikigu la Publikan Leteron kune kun siaj komentoj kaj kun peto al la gazetaro, ke ili laŭeble sendu ankaŭ personajn, mallongajn apogleterojn al la Internacia Olimpia Komitato en Lausanne (Svisujo). Tiaspeca internacia amasa manifestacio povas veki konsiderindan psikologian efikon. Krome ili sendu mallongajn salutleteron al la redakcio de „Népszava" (Adr.: Budapest, VII. Rákóczi ut. 54) kaj pere de la redakcio, siajn salutojn al la sportistoj, kiuj subskribis la Publikan Leteron. Krome ni petos la espeantistajn redaktorojn bonvolu persvadi ankaŭ la hejmlandajn famajn sportistojn por simila manifestado kaj oni publikigu ankaŭ tion en siaj gazetoj.

Al la redaktoroj de la esperantlingvaj dissendoj de la Naciaj radio-kaj televidostacioj oni turniĝas per la sama peto.

P. Balk.

---

PAGU VIAN MEMBROKOTIZON AŬ ABONKOTIZON !

*Se vi deziras ke la organo de TEĴA aperadu regule kaj plibonigite, tuj pagu vian membrokotizon aŭ abonkotizon al TEĴA estraro. Pagu al via landa komitatano aŭ reprezentanto de TEĴA, aŭ rekte al la redaktoro en Sofia, Bulgario.*

## NI PLIVIGLIGU KAJ PLIBONIGU NIAN TEĴA-LABORON ANTAŬ LA FAKA JARKUNVENO DE LA ĴURNALISTOJ EN BUDAPEŜTO

*Budapeŝto estas belega kaj interesa ĉefurbo. Ĝi troviĝas en la centro de Eŭropo. La Hungara Respubliko samtiel vekas intereson en eksterlando. Tial la 51-a Universala Kongreso de Esperanto en Budapeŝto ĉi jare estos unu el la plej amasaj kaj brilaj (se ne la plej amasa ĝisnuna) kongresoj. La Kongresa Programo, la helpo de la ŝtato, la lando mem allogas. Ni esperas, ke ankaŭ multaj ĵurnalistoj-esperantistoj partoprenos la UK en Budapeŝto. Tial ni esperu, ke ankaŭ nia TEĴA-jarkunveno estos plej amase vizitita.*

*Ni tamen devas renkonti tiun jarkunvenon de TEĴA kun novaj sukcesoj en nia organiza kaj kulturprofesia agado. Devo al ĉiu komitatano kaj reprezentanto de TEĴA, de ĉiu estrarano estas pliviglîĝi kaj centprocente plenumi siajn taskojn. Nia organo „Internacia Ĵurnalisto" feliĉe eniras en sian dekan eldonjaron.*

*La redakcio de „Internacia Ĵurnalisto" intencas plibonigi la eldonadon de la organo — ekzemple, aperigi ĝin ne 4- sed 5 aŭ 6-foje (6 n-roj) en la jaro kun kovrilpaĝoj. Sed tio estas efektivigebla kun la nepra helpo kaj kontribuo-financa kaj per materialoj—de ĉiuj TEĴA-aktivuloj kaj membroj en ĉiuj landoj. Ni streĉu niajn fortojn kaj raportu en la budapeŝta jarkunveno pri novaj kaj bonaj sukcesoj en nia nobla ĵurnalista afero.*

*La aktivuloj kaj membroj de TEĴA sendu al la redakcio de „I. Ĵ" siajn sugestojn, proponojn kaj opiniojn por la tagordo de la jarkunveno konekse nian estontan agadon. Al pli fruktodona laboro!*

---

## NOVAĴOJ — ANONCOJ — NOVAĴOJ — ANONCOJ

### „Nia amikeco estas nerompebla"

La televido de regiono Tula prezentis 15-minutan disaŭdigon sub la titolo „Nia amikeco estas nerompebla".

La aŭtoro de la artikolo Lev Fisbejn, membro de TEĴA kaj de la Asocio de Sovetaj Ĵurnalistoj, dum tiu disaŭdigo parolis pri la internacia korespondado pere de la internacia lingvo Esperanto inter ministoj de urbo Uzlovaja kaj eksterlandaj kolegoj en diversaj landoj.

Dum la dissendo la rigardantoj havis eblecon vidi interesajn fotaĵojn, presaĵojn kaj insignojn ricevitajn de ministoj el socialistaj landoj.

### Por pacista E.-Antologio

Mi serĉas kunlaborantojn pri kolekto de materialoj por Pacista Esperanto-Antologio. Bezonataj estas informaĵoj pri diversaj pacagado kaj movadoj. Mia adreso: R. Rofo, Floréal—C, Avenue G. Neusch, Juan — les Pins (A. M.) Francio.

### Korektoj

Laŭ peto de UEA ni ĝustigas la informon pri la UK en Tokio, aperinta en n-ro 3-a 1965.

La Eŭropa E.-Konferencon iniciatis Komitato en Vieno, sub la aŭspicio de UEA.

La UK en Tokio partoprenis 1709 kongresanoj, el kiuj ĉ. 800 el landoj ekster Japanio.

" " "

En la artikolo „Ankoraŭfoje pri la stenografio", n-ro 3-1965, sur paĝo 2, dekstra kolono, la antaŭlasta propozicio, anstataŭ „Oni devas modifi la substancajn „superstrekon" kaj „malsuperstrekon" kaj kombini ĝin kun . . ." oni legu jene :

„Oni devas modofi la substancajn „suprenstrekon" kaj „malsuprenstrekon" kaj kombinadi ilin kun . . ."

### Dankesprimo

La redakcio de „Int. Ĵurnalisto" dankas kore al la multaj kolegoj kaj s-anoj, kiuj afable salutis la redakcion kaj la redaktoron okaze de la komenco de la Nova Jaro kaj la festotagoj.

### ANONCO POR LA TEĴA-ANOJ EN ĈEĤOSLOVAKIO

*La redakcio de „I. Ĵ." kaj CK de BEA scias nenion pri la plialtigo de la abonkotizo de „I. Ĵ." kaj kiamaniere tio okazis. Certe tio estas afero de la entrepreno „Raznoiznos" en Bulgario, kiu gvidas la abonaferon eksterlande. Se pro ŝtataj kaj valutaj aferoj ni ne povos ordigi tiun aferon, tiam ni intencas konsideri la kolektatan nun kotizon por 1966—1967 jaroj. Sed la membroj de TEĴA kaj la abonantoj de „I. Ĵ." devas scii, ke la malnova kotizo kovras nur la duonon de la ekspedkostoj. Por presejo, papero k. a. restas preskaŭ nenio.*

**MI KOMPATAS . . .**

**Versaĵo en prozo**

de I. S. Turgenev

Mi kompatas min mem, la aliajn, ĉiujn homojn, bestojn, birdojn... ĉion vivantan.

Mi kompatas infanojn kaj maljunulojn, malfeliĉulojn kaj feliĉulojn... feliĉulojn pli ol malfeliĉulojn.

Mi kompatas venkoriĉajn triumfantajn gvidantojn, grandajn artistojn, pensulojn, poetojn.

Mi kompatas mortiganton kaj lian viktimon, malbelecon kaj belecon, premegatojn kaj premegantojn.

Kiel liberigi min de tiu ĉi kompato? Ĝi ne ebligas al mi vivi... Ĝi kaj ankaŭ la enuo.

Ho, enuo, solviĝinta tute per kompato! Pli malalte malleviĝi por la homo ne estas eble.

Vere, estus pli bone envii! Kaj mi envias al la ŝtonoj.

1878 El rusa tradukis S. Sidorov

# HUMORO

*G. Simeonov*





**Antikvaj kaj modernaj tempoj**

*G. Ĉavdarov*



Sen vortoj (El „Dikobraz")



Se vi mensogas min, ke vi estas reĝisoro, mi ne amos vin plu

## PERFEKTA VERKISTO

Foje la muŝo falis en la inkon de la strigo. Kiam ĝi elgrimpis el la inko kaj vidis sur la papero la postsignojn de siaj piedoj, ĝi ĝoje ekkriis:

— Jen! Ankaŭ mi estas verkisto! Kiajn graciajn kaj inteligentajn strekojn mi faris! Ne ĉiu povas fari tiajn!

Kaj kiam ĝiaj flugiloj sekiĝis, ĝi flugis jam en la mondo, kiel perfekta verkisto.

Tion, ke ĝi foje falis en inkon, ĝi samtage forgesis, sed ke ĝi estas verkisto, tion ĝi mencias ĝis sia morto.

**J. Dorozsmai, Hungario**

## SAŜA KEREMIDĈIEVA-ESPEROVA



### KONDOLENCO DE LA PREZIDANTO DE UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

*Okaze de la forpaso de s-ino Saŝa Keremidĉieva la prezidanto de Universala Esperanto-Asocio prof. d-ro Ivo Lapenna sendis el Anglio al la familio de Ivan K. Esperov la jenan kondolencleteron:*

*La 19-an de februaro 1966*

*Kara Keremidĉiev,*

*Kun granda bedaŭro mi ĵus eksciis pri la forpaso de via edzino.*

*Mi petas vin akcepti en mia nomo kaj en tiu de UEA la plej profundajn kondolencojn.*

*Mi ege esperas, ke la tempo helpos por mildigi la sendube tre grandan doloron, kiun vi nun sentas.*

*Kun tre koraj salutoj kaj amika manpremo,*

*sincere via: D-r o I v o L a p e n n a*

*Post multjara suferado forpasis en la fino de januaro s-ino S a ŝ a K e r e m i d ĉ i e v a, 47-jara, el Sofia, malnova kaj iam aktiva esperantistino, edzino de la redaktoro de „Internacia Ĵurnalisto" kaj vicprezidanto de TEĴA Iv. K. Esperov, patrino de Emil Keremidĉiev — prezidanto de Bulgara Esperanta Junularo kaj de ankoraŭ du filoj — esperantistoj.*

*La morto de Saŝa estas grava perdo ne nur por la esperantista familio Esperov, sed por la tuta bulgara esperantistaro. En la nekrologo de CK de BEA oni emfazas ke por la prospero de la bulgara E.-movado tre ege kontribuis la forpasintino per sia sindonema kaj energia laboro kaj helpo al sia edzo. Ŝi tre suferis dum la Dua mondmilito kaj naziista okupado. Pluraj alilandaj kaj enlandaj s-anoj konas ŝin kiel gastaman, belvoĉan, kanteman, bonkoran, viglan, ĉiam ridantan s-inon.*

*Eĉ nia TEĴA ŝuldas al la forpasintino. Ŝi helpis s-non Esperov en la korespondado, ofte iradis al la presejo por plirapidigi la aperon de „Internacia Ĵurnalisto", prizorgis ĝian ekspedadon.*

* * *

*La enterigo de Saŝa estis granda kaj solena. Ĝin partoprenis centoj da amikoj, konatuloj kaj esperantistoj. Estis eldonitaj pluraj nekrologoj kaj ĉe la tombo funebre parolis kvin personoj, inter kiuj s-ino Trajana Petkova en la nomo de CK de Bulg. E.-Asocio.*

*La forpasintino ne ĝisatendis sian unuan nepon, kiu naskiĝis la sekvantan tagon post la enterigo.*

* * *

*Familio Ivan K. Esperov dankas sincere al ĉiuj kolegoj, amikoj kaj s-anoj enlandaj kaj eksterlandaj por la senditaj perletere aŭ telegrafe kondolencoj okaze de la familia funebro. Specialan dankon familio Esperov esprimas al la Prezidanto de UEA prof. d-ro Ivo Lapenna kaj al la estraro de UEA en Roterdam.*

*Ankaŭ al la Centra Komitato de Bulgara Esperantista Asocio kaj la estraro de la Sofia E. societo „Maksim Gorkij", familio Anna kaj Isaj Dratwer—gvidantoj de la Istraela E.-movado, familioj Leo Ringler (Kiryat — Ata) kaj Oskar Berman (Hedera) en Israelo, la estraranoj de TEJA prezidanto Olav Thormodsen (Norvegio) kaj vicprezidanto N. F. Danovskij (USSR), eksestrarino de TEĴA Maria Vogel (GER), Lud. Kapitany kaj Zsigmund Papp (Hungario), familioj H. kaj E. Kervers kaj Anĝelo Agosti (Nederlando) kaj aliaj.*

---

### ESPERANTO EN LA HUNGARA GAZETARO

*Krom en la tagĵurnaloj, nun ofte aperas pro la 51-a UK de Esp. ampleksaj artikoloj pri Esperanto kaj la E.-movado en gravaj hungaraj gazetoj kaj revuoj. De K. Kalocsay aperis granda artikolo en la semajna revuo „Élet és Irodalom" (Vivo kaj Literaturo); en „Élet és Tudomany" (Vivo kaj Scienco) aperis tre detala kaj objektiva artikolo de la ĵurnalisto Imre Szenes, kiu jam interese skribis ankaŭ en „Kulkereskedelem" (Eksterlanda Kommerco) sub titolo „Anstataŭ internacia interpretado — Internacia Lingvo"*

*De B. Balkanyi aperis artikolo en „Film, Szinhaz Muzsika" (Filmo, Teatro, Muziko) pri la unua esperanta ludfilmo „Angoroj". Krome aperis du artikoloj en la revuo (angla eldono) de la Komerca Ĉambro „Hungarian Eksporter".*

P. B.

## UNUIĜINTA INDUSTRIA ENTREPRENEJO — KAZANLÂK

UNIVERSALA FREZMAŜINO FU-250



Destinita por frezado de plej diversformaj maŝinpartoj per cilindraj, diskaj angulecaj kaj fasonaj freziloj.

Ĉe aplikado de respektivaj mekanismoj, per ĝi povas esti efektivigata frezado de spiralaj foldoj, cilindraj kaj konusaj dentradoj, dentumitaj metalaj latoj, laŭ la metodo de la unuopa disdivido per diskaj kaj modulaj freziloj, k. a.

La granda nombro de la turnomovoj de la pivotego, la potencialkapacito de la maŝino garantias rapidan frezadon per instrumentoj el solidaj alojoj.

La rotaciado de la pivotegoj kaj la movado de lat maso efektiviĝas pere de apartaj elektromotoroj.

La maŝino havas duoblan funkciigadon — per prembutona tipo (fronte kaj maldekstraflanke).

## RICEVITAJ ESPERANTAĴOJ

— Jarlibro de la Universala E.-Asocio 1965. — Eldono de UEA.

— Antaŭen. — Libreto 32-paĝa pri studentaj problemoj en Japanio. Eldonis la Japana Esperanto-Ligo Studenta okaze de la 50 UK de E. en Tokio 1965. Adreso: Bunkio-ku Hongo 2 chome 2—14, Tokio, Japanio.

— La svisa trafikmuzeo en Lucerno — Kolore ilustrita faldprospekto en pluraj lingvoj inkluzive E-ton. Mendebla ĉe: Svisa Trafik-Domo, Lidost. 5, CH—6000, Luzern, Svislando.

Graz. — Bone kolore ilustrita fatdprospekto kun klariga teksto ankaŭ en E.

— La Verda Stirio — feria revo. — Ilustrita faldprospekto pri la bela aŭstria Stirio kaj ĝia trafiko kun aldona teksto en Esperanto.

XXXIX Foiro de Barcelono — granda afiŝo kaj surkartona afiŝo kaj glumarkoj belaj okaze de tiu tradicia Barcelona evento.

## RADIO BUDAPEST DISSENDAS EN ESPERANTO

Hungara Esperanto-Asocio kun ĝojo informas pri sia sukceso antaŭ la Budapeŝta Universala Kongreso de Esperanto. Ekde la 1-a de februaro Radio Budapest komencis ĉiutagan disradion de esperant-lingvaj scii goj dum 15 minutoj. Oni povas sendi eventualajn rimarkojn kaj proponojn al la adreso:

Esperanto dissendoj Radio Budapest, VIII, Brody Sandor u. 5—7.

Programo de dissendoj: ĉiutage de la 20, 30 ĝis la 20, 45 h. — laŭ Mezeŭropa horsistemo — per la jenaj ondolongoj:

240 m 1250 kc/s
41,6 m 7220 kc/s
48,1 m 6240 ks/s

---

NIA POŜTO

Al. Logvin, Moskvo — Bedaŭrinde la versaĵo „Al Julio Bahy“ ne povas aperi en „IĴ.“, ĉar aperis en alia E.-gazeto. Pri la radioparolado de prof. N. Vl. Puĥovskij: la soveta esperantistaro kontraŭstaru lian misprezenton de Esperanto.

Roland Kupler, Roderen p. Thann, Francio. — Bonvolu informi la redakcion ĉu vi ricevas regule „IĴ“. Ni atendas de vi kontribuaĵojn.

Vladimir Kvapil, Bludov, ĈSSR. — Vian leteron ni ricevis. Vi ricevos „I. Ĵ“, sed pri TEĴA sin turnu al nia reprezentanto por ĈSSR — A. V. Zednik, Modrany 1484, Praha 9. Por membrokotizo (kaj abonkotizo) ne sufiĉas 7 kronoj, ili ne egalvaloras al 1 usona dolaro.

---

*Redaktoro: Ivan Keremidĉiev—Esperov, Bulv. Hr. Botev 98, Sofia 2, tel. 3-34-04, Bulgario*

NOVAJ MEMBROJ DE TEĴA

*Vladimir Kvipal, Nadrazni 344, Bludov, okres Sumperk, Ĉehoslovakio*

*Imre Szenes, ĵurnalo „Nepszava"*

*Budapest VII, Racocai ut. 54, Hungario*

ŜANĜO DE ADRESOJ

*Oskar Berman, Poŝtkesto 400, Tarna strato, 49, Hedera, Izraelo.*

*Niilo Kavenius, Taskulantie 1, H 139, Turku 9, Finlando.*

*Maria Vogel, Kniebis — str. 31, 7 Stuttgart 1, Germanio (GFR).*

*Arpad G. Poloskey, P. O. 119, Budapest, Hungario.*

ŜTATA ENTREPRENEJO „TABAK-INDUSTRIO“

urbo PLEVEN

PRODUKTAS

por la enlanda kaj eksterlanda merkatoj:

plej altkvalitajn cigaredojn

„ŜIPKA“ kaj „PLEVEN“,

preparitajn el la bulgaraj

tabakspecioj tutmonde ko-

nataj per siaj aromaj fum-

kvalitoj.

AĈETAS, PRILABORAS

KAJ EKSPORTAS

TABAKON EL LA SPECIOJ:

„VIRĴINIJA“, „ORIENTALSKI“,

„BURLEJ“ kaj „OSTRPLIST“.

ADRESO:

TJUTJUNEVA PROMIŜLENOST

(TABAK-INDUSTRIO)

PLEVEN